# juna amiko

SEPTEMBRO 2010 N-ro 2/2010(128)

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



## Esperanton en lernejojn!

E-lernantinoj en Zaječar, Serbio

Rigardu la junulinon. Vidu, ke ŝi ne rigardas nin, ŝi rigardas for. Rimarku la vizaĝ-esprimon. Kion vi sentas pri ŝi? Kion vi rimarkas pri ŝia korpo? Pri kio ŝi pensas? Imagu kiel ŝi povis alveni en tiun nunan staton. Se vi renkontus ŝin, kion vi dirus al ŝi?

------------------------------

Fakte, ŝi estas figuro el rol-ludoj, kiujn la desegninto elpensis kaj plenumas kun amikoj. Ŝi forgesis, kiu ŝi estas, do ni ne povas prezenti al vi ŝian nomon. Kiam eksplodis milito inter tri klanoj, ŝiaj pli aĝaj filoj estis vokitaj por batali; por malhelpi ke ŝia plej juna filo sekvu ilin, ŝi mem volontulis iri al la batalo. Sed tie ŝi vundiĝis – kun glav-tranĉo ĉe la vizaĝo kaj brul-vundoj ĉe la manoj kaj genuo. Ŝia lasta memoro, kiu ne foriris, estis de fi-magiisto, kiu sorĉis ŝian ĉenveston fajrobrula. Post la batalo homoj traserĉis la restaĵojn kaj restintojn. Ili enterigis la mortintojn, kaj trovis ŝin viva. Unu el ili gvidis ŝin al sia hejmo kaj tie zorge resanigis ŝin.

Ŝi tamen estas fort-vola, ŝi ja lernis la arton batali, do iom post iom ŝi decidis forlasi tiun vilaĝon por retrovi kaj rekomenci sian vivon. Ŝiaj memoroj komencas reveni, kaj ŝi ekmemoras pri bona, brava fajro-magiisto kiun ŝi iam, ie, renkontis. Ĝenerale, ŝi malŝatas – abomenas – magiistojn kaj sorĉistojn, ĉar ili uzas sian potencon por fari aĉajn aferojn. Tiu fajro-magiisto, kontraste, estis afabla kaj nobla. Ŝi decidis, ke ŝi devas serĉi lin, ĉar li povos per sia sorĉado rebeligi kaj kuraci ŝin, kaj rebonigi ŝian memoron.

Tiam ŝi havos ŝancon ne plu rigardi al la foro, sed turni la kapon al la vivo kaj la estonto.

Teksto: Karina kaj Stefan MacGill
Bildo: Karina MacGill

**Vortklarigoj**

*Klano:* tribo, homgrupo
*Figuro:* rolanto, persono.
*Volontuli:* proponi sin sen devigo, propravole.
*Glavo:* tranĉilego uzata en batalado.

# Pri la forto

Ĉu vi scivolas, kio decidas pri ies pozicio en ties ĉirkaŭaĵo, eĉ en la naturo kaj socio? Post longa meditado mi venis al la konstato, ke forto kaj saĝo influas pleje ies vivon. Kaj tio koncernas ne nur la homon, sed ĉiujn vivajn estaĵojn.

Je la unua rigardo, vi eble opinias mian konstaton tro primitiva, tamen mi petas vin atenti pri miaj ekzemploj kaj vi certe povos ilin kompletigi per aliaj el propraj spertoj.

Kun la tempo eble saĝo kaj racio akiras pli kaj pli gravan rolon, tamen nura fizika forto eĉ en nia tiel nomata civilizita socio havas ekstran rolon. Pensu pri tio, ekzemple, kial la viro ludis kaj ludas ĉefrolon en la familioj? Kial oni ne kuraĝas atentigi fortikan agresivulon pri lia misago kaj kial oni rilatas tute alie al maljunulaĉo, kiu faris tiun saman misagon? Kial grandaj ŝtatoj kuraĝis kaj kuraĝas ataki malpli grandajn kaj preskaŭ neniam inverse, kvankam plej ofte ili estis (kaj estas) atakitaj maljuste? Mi ne vicigas aliajn ekzemplojn, ĉar vi tutcerte havas multajn similajn el via propra ĉiutaga vivo.

Prefere ni provu respondi la **dilemon,** ĉu ni akceptu la tradician **heredaĵon** aŭ ni batalu kontraŭ ĝi? Kion vi opinias? Bone pripensu la respondon!

Miaopinie, la forto ĉiam ankoraŭ estas kaj verŝajne por ĉiam restos granda valoro por krei, konstrui. Sed ne la sola, nesuperebla valoraĵo. Kun la progreso ĉiam pli kaj pli valora fariĝas, espereble, saĝeco, respekto al homfratoj kaj la tuta naturo nin ĉirkaŭanta, toleremo, helpemo. La forto en si mem havas valoron nur, se ĝi estas uzata por la supre menciitaj celoj. Forto, kiu estas uzata por detrui valoraĵojn de la naturo aŭ socio, kiel perforto kontraŭ alies homaj rajtoj, se ne paroli pri militoj kontraŭ aliaj homgrupoj por akiri iliajn valoraĵojn sen laboro, estas punenda kaj forigenda el moderna civilizacio.

Kio do povas haltigi forton uzatan por **egoisma** celo? Multaj opinias, ke nur alia, pli granda forto. Ĝis hodiaŭ tio rezultigis ĉiam pli kaj pli „perfektajn" punilojn: glavojn, sagojn, pafilojn, kanonojn, bombojn, inkluzive ankaŭ atombombojn en nia nuntempa „civilizita" mondo. Nia tuta historio montras, ke tiu sola rimedo ne rezultigos veran pacon. Nuntempe, feliĉe, jam multaj vidas, ke necesas ankaŭ aliaj rimedoj. Edukado al justeco, demokratio kaj vera libereco. Ĉiu homo estas valoraĵo, se li/ŝi trovas en si la kapablon, per kiu ŝi/li klare distingiĝas de la ceteraj homfratoj. Ĉiu trovu en si tiun kapablon kaj igu sin spertulo en sia agadkampo, utiligu la kapablon por si kaj ĉiuj ceteraj homoj, kiuj agas simile por li/ŝi. Kaj ni provu egale respekti ĉiujn boncelajn agadojn sendepende de raso, nacieco, religio, ktp. Ni izolu nur tiujn, kiuj pro iuj kvalitoj konsideras sin pli valoraj, kaj pro tio postulas por si ekstrajn avantaĝojn kaj konsideras aliajn diligente laborantajn homojn senvaloraj aŭ rekte danĝeraj.

*Geza Kurucz kaj Juliana Vas-Szegedi*

*heredi:* laŭleĝe ricevi proprajon post mortinto / *hered-ajo:* tio, kion oni heredas / *dilemo:* kiam oni ne povas decidi inter du diversaj alternativoj / *egoismo:* memamo, kiu igas nin serĉi en la vivo nian propran plezuron aŭ profiton.

## Enhavo



La landoj (lernu la oficialajn landkodojn!) de niaj ĉi-numeraj aŭtoroj:
Ĉeĥa Respubliko (CZ), Francio (FR), Germanio (DE), Hungario (HU), Irano (IR), Islando (IS), Japanio (JP), Kubo (CU), Pollando (PL), Serbio (RS), Svislando (CH).



# ≺ Infanrenkontiĝo en la urbo Liono ≻

## Pollando - Bulgario - Hungario - Francio

Komence de majo 2010 en la urbo Vaulx-en-Velin, Francio, okazis la dua labor-renkontiĝo kadre de la projekto 'Gvidlibro de la amikeco', financata de la programo 'Lernado dum la tuta vivo'.

La temo de la renkontiĝo estis "Eŭropo – pasinteco, estanteco kaj estonteco". La preparado por la renkontiĝo inkluzivis ellaboradon de paneloj kun mapo de la Eŭropa Unio (EU), preparado de multmediaj prezentadoj laŭ la temo 'Historia disvolviĝo de la partneraj landoj dum la periodo inter la jaroj 1200 kaj1299', kaj pretigo de informtabuloj pri la apero kaj la evoluo de la EU.

En la renkontiĝo partoprenis gelernantoj kaj geinstruistoj el Bulgario, Hungario, Pollando kaj Francio. Ĉiuj partoprenantoj ĝojis pro la re-renkontiĝo kun siaj geamikoj, kun kiuj ili konatiĝis dum la unua vizito de la projekto, en novembro 2009, en Polski Trambeŝ, en Bulgario.

Ekde la unua tago la partoprenantoj estis dividitaj en grupojn, kiuj inkluzivis reprezentantojn el ĉiuj landoj. Neniu havis eblecon paroli sian gepatran lingvon. Ni devis uzi niajn sciojn de Esperanto, kaj kiam ili ne sufiĉis,

**Vortklarigoj**

*Disvolviĝo:* evoluo
*Baziliko:* katolika preĝejo
*Fontano:* akvoŝprucigilo
*Praktiki:* uzi, ekzerci
*Travivaĵo:* sperto
*Pinto:* plej supra parto.
*Trolebuso:* elektra buso
*Grandioza:* ege bona

helpis al ni vortoj el la angla, germana, pola, franca kaj rusa lingvoj. Poste ni kune kantis la himnon de la Eŭropa Unio en Esperanto.

Ni havis eblecon vidi ĉiujn multmediajn prezentadojn. Ni rimarkis, ke la historioj de niaj ŝtatoj estas tre diversaj, sed ke niaj popoloj estas kunligitaj ekde multaj jarcentoj pli frue.

Kiel ekzemplon de la historia evoluo de Francio ni vizitis la urbeton Peruges, kiu dum la 13-a jarcento estis grava historia centro en la lando.

Por konatiĝi pli bone kun niaj francaj partneroj ni vizitis lecionojn pri historio, geografio, matematiko kaj ni vidis, ke la gelernantoj tie ne estas pli diversaj ol niaj kaj ke la instru-metodoj estas la samaj.

Dum nia libertempo ni vizitis Lionon, trarigardis la historian muzeon, eniris en la bazilikon Notre Dame de Fourviere (vidu la bildon sube), supreniris la «Croix rousse », vidis la fontanon de Bertoldi kaj la statuon de *Louis XIV* (Ludoviko la Dekkvara).

La partneraj grupoj el Pollando, Bulgario kaj Hungario loĝis en hotelo *B&B rue Gambetta Lyon* cele al pli facila atingeblo de la centro de la urbo, sed estis iom malproksime de la Mezlernejo Pierre Valdo.

Ĉe la hotelo vespere, la infanoj el la diversaj partneraj grupoj kunvenis en ĉambro por kartludi sed ili bonetose devis iamaniere komuniki inter si. La instruistoj renkontiĝis en alia ĉambro priparolinte aferojn. Matene kaj vespere, per metroo kaj buso, la partoprenantoj ĝojis pri la densa trafiko inter la hotelo kaj la mezlernejo ! (Vidu la bildojn sur paĝo 10.)

Dum la oficiala invito en la Mezlernejo Pierre Valdo, okazis riĉaj programeroj: ludis la loka orkestro de la lernejo sub gvido de muzikestro, turke dancis hungara lernantino, ni ĝuis tre konatan ludon «1-2-3 suno ĉiuj haltas!», kaj kantis la EU-himnon en Esperanto, ktp...


La baziliko, sur monto tuj apud la rivero *Saone.*

Okaze de la oficiala invito en la mezlernejo, la Mezlernejestro dankis ĉiujn kunlaborantojn koncerne tiun renkontiĝon kaj la reprezentanton de la Ĝenerala Konsilantaro de la urbo en Vaulx-en-Velin, respondeculon el DARIC *(Délégation académique aux relations internationales et à la coopération dans les RECTORATS)*, kaj la lionan Esperanto-klubon CERL.

Tuj poste, la bufedo permesis pli amikiĝi inter gustumado kaj trinkado kaj ĉe aliaj trovi konsilojn por ion same organizi aliloke.

Ni danku ĉi-jare al Stephane Leroux, instruisto pri matematiko en la mezlernejo *Pierre Valdo Vaulx-en-Velin* por la bona planado de tiu renkontiĝo. Ni deziras plej bonan progreson al la infanoj por bone praktiki esperanton dum la venonta renkontiĝo oktobre en Hungario ĉar tiaj renkontiĝoj permesas al infanoj el « prioritata eduka zono » vojaĝi senpage por konatiĝi kun junaj alilandanoj.

Raportis *J Catil el Lyon-Liono (Francio), Mariana Genĉeva, Bulgario*

---

# LIBROFERTO de ILEI

Ni rabatigas prezojn por la sekvaj libroj, ĝis la 15a de decembro, 2010. Menditaj libroj estos ekspeditaj samtempe kun *Juna amiko* 2010/3, do fine de decembro.

| **Mi mendas:** | | **kvanto** | |
|---|---|---|---|
| Okulo (lernilo por komencantoj) | €4 | ______ | (kutime €4.50) |
| Okulo Gvidilo | €4 | ______ | (kutime €4.50) |
| Tendaraj tagoj, kajero 2 | €6 | ______ | (kutime €6.90) |
| Tendaraj tagoj, kajero 3 | €6 | ______ | (kutime €6.90) |
| Kantlibro Rømmesmo | €2.80 | ______ | (kutime €3.60) |
| Manlibro pri Instruado de Esperanto, (3a eldono). | €7.50 | ______ | (kutime €8.50) |

*Okulo* uzeblas anstataŭ la elĉerpita kajero 1 de *Tendaraj Tagoj.*

Krome, kaj escepte, la prezoj inkluzivas la sendokostojn! Ekde januaro 2011 sendokostoj estos aldone pagendaj ene de la prezoj! Kaptu la okazon! Validas la kutima triona rabato por mendo de tri aŭ pli da ekzempleroj de titolo.

Mendu rete al <stefan.macgill@gmail.com> aŭ sendu la mendilon letere al li (adreso p. 50). Donu vian precizan kaj plenan poŝtan adreson kaj laŭeble retadreson. Fakturon vi ricevos de nia kasisto.

# ⋞ Unu el miaj plej belaj travivaĵoj ⋟

Mia lernejo, Bán Zsigmond Kalvina bazlernejo, komencis partopreni en la projekto Komenio ekde 2009. Ni jam veturis al Bulgario lastjare, nun ni havis la duan vojaĝon – al Francio en majo, 2010!

Mi neniam estis en tiu lando, eĉ ne en Italio, kiun ni traveturis. Por mi plaĉis kaj la longa veturo (tien-reen pli ol 3200 km) kaj la homoj, kun kiuj mi amikiĝis.

Kompreneble mi havis multe da travivaĵoj dum unu semajno, sed unu el la plej belaj estis, kiam per nia buso ni traveturis la monton Mont Blanc. Ĝi estas la plej alta monto de Eŭropo! Pli ol 4800 metrojn alta! Bedaŭrinde estis nuba vetero, do ni ne povis ekrigardi la pinton... sed la ĉirkaŭaĵo de ĝi estis mirinda: ĉie ni vidis neĝ-kovritajn montojn, montegojn kaj valojn. Mi kunportis ŝtonon de la „piedo" de Mont-Blanc por memorigi min pri la vojo! ☺. La tunelo de Mont Blanc estis longa je 1200m.

Vivien Farkas, 12-jara, Hungario

***Partoprenantoj :***

*Urbo Polski Trambeŝ, Bulgario; Lernejo Canko Cerkovski, oktobro 2009*
*Urbo Vaulx-en-Velin, Francio; Mezlernejo Pierre Valdo, majo 2010*
*Urbo Tiszafüred, Hungario, Kalvina Bazlernejo Bán Zsigmond, okt. 2010*
*Urbo Rybnik, Pollando, Szkoła Podstawowa, printempe 2011*

Vidu plian raporton pri la sama aranĝo sur p 28 en la rubriko *Interkultura Mondo.* Ambaŭloke ni lasis la vorton "multimedia" rilate al prezentaĵoj faritaj per plurspecaj komunikiloj (sono, skribo, filmo...). Strikte la vorto 'medio' en Esperanto ne aplikeblas al komunikiloj, sed manke de konvena alternative vorto, ni lasas ĝin, kiel vaste konata internacia vorto.

La rubriko *Konversaciaj temoj* de Judit Felszeghy reaperos en la sekva numero kun la temo 'Stiri aŭtomobilon'. Ni pardonpetas pro ĝia ellaso ĉi-numere.

***Bildoj de la partoprenantaj gejunuloj:***

# Ni vere ĝuis la renkontiĝon!



Staś Mruzek el Pollando (12- jara) "Al mi plej plaĉis veturado per trolebuso; mi unuafoje veturis per ĝi! Oni povas rigardi Lionon kaj ĉion vidi - kaj ni certe ne perdos la vojon, ĉar en buso oni skribis nomojn de ĉiuj stratoj, kie haltas la buso"

Szymon el Pollando (12-jara) skribis: "Metroo estas grandioza veturilo! Precipe ĉi tiuj vagonaroj, kiuj veturas sen ŝoforo! Tre plaĉis al mi, ke tiel rapide povas ni vojaĝi!". 10-jara Kacper skribis "Metroo plej plaĉis al mi. Ĝi tiel rapide veturas.



Kaj la koloroj de la vagonaroj estas belegaj! En Liono, mi unuafoje veturis per metroo! Kaj ĉiam haltas samaloke en ĉiu stacio!"



Supre jen la bildo de Kacper, kaj dekstre la vera metrotrajno en la linio D, kiu subiras la du riverojn kiuj kuniĝas en Liono, *Saone* kaj *Rhône*.





Kasia, Pollando 12-jara

" Al mi tre plaĉis promenado laŭ stratoj kaj malgrandaj stratetoj. Kelkaj estis vere mallarĝaj! Kiel koridoroj ili aspektas. Mi rimarkis, ke en la vojo estas sekretaj signoj. Ekzemple - konkoj estis belaj. Mi vidis ankaŭ rozojn. "






Jen desegnaĵo de la Turo *Eiffel* en Parizo, farita de bulgara partoprenantino, Natalia Gencheva. Dekstre, la originalo. Vidu, ke pli altas la desegnita turo!

# LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO

Rubriko por la et-aĝuloj. Helpu al ili legi ĝin!

Rubrikestro: Stefan MacGill

*Jen rakonto kun bildoj anstataŭ iuj vortoj. Trovu la liston de vortoj sur la sekva paĝo. Legu (aŭ legigu) la paĝon kaj diru la ĝustan vorton kiam vi atingas bildon. Fine, vi trovos kaŝan frazon. Skribu en la kestoj la komenc-literon de ĉiu bildo en la donita ordo por solvi la problemon kaj permesi al Petro fini la rakonton.*

Ĵako saltas el la  sabat-matene kaj  al la  ĉar ĝi sonas. Vokas lia amiko Petro:

"Saluton, mi vokas vin de la  meze de la rivero."

"Ha, la natur-rezervejo! Ĉu vi vidis interesajn bestojn?"

"Ĝis nun videblis nur  kaj  . Ĵako, mi vokas vin, ĉar mi memoras, ke ĝis lundo mi devas  raporton. Por tio necesas , kiuj restis en mia domo. Ĉu vi povos iri per via  por preni ilin kaj porti ilin al mi morgaŭ? Kaj mankas al mi ."

"Sed mi aŭdis en la  – al miaj   venis la informo ke nokte falos  kaj la  ĉirkaŭ mi pleniĝos per . Eble okazos inundo. Mi ne kuraĝas veni."

"Efektive, la   amasiĝas. Sed ne estos problemo."

"Tamen, se per miaj  mi rigardas al la , mi vidas, ke la  forflugas, kaj la  kvakas jam ĝoje. La birdoj iras hejmen al la  en sia . Morgaŭ okazos ŝtormo."

"Estos nur ŝtormeto. Mi bezonas tiun libron por pretigi mian raporton, kun titolo '*Elstaraj ekzemploj de kuraĝo el nia historio*'.

"Sed mi ne riskas veni. Via raporto devos malfrui."

"Ho, tiu Ĵako," diras Petro senespere al si mem: "Kion mi faru pri Ĵako? Ve,...

□□ □□□□□ □□

□□□□□□□ □□□□□□!"

*Sendu al ni viajn solvojn kaj ni lotumos premiojn: Sendu vian nomon, adreson kaj aĝon. Mesaĝu al <stefan.macgill@gmail.com> aŭ sendu poŝtkarton aŭ leteron al li ĉe la adreso sur p 50.*

Jen la vortoj bezonataj por la rakonto, en alfabeta ordo: akvo, araneoj, aŭto, birdoj, insulo, iras, libroj, lito, monto, muso, nesto, nuboj, okuloj, oreloj, ovoj, plumo, pluvo, radio, ranoj, rivero, skribi, telefono.

## ABON-PREZO RESTAS SAMA por 2011!

La kosto mendi nian revuon restas sama jam de 2005, kvankam ege altiĝis niaj kostoj. ILEI subtenas la revuon, tial ni povas ĝojigi vin! Abonu frue por 2011! Perantoj en 30 landoj – aŭ kontaktu la administranton aŭ la kasiston de ILEI! Se vi trovas varbilon kun via revuo, uzu ĝin por varbi abonantojn por 2011. Ĝi krome informas kial indas membriĝi en ILEI!

| | 1 ekz. | Ekde 3 |
|---|---|---|
| Tarifo 1 | € 14 | po € 11 |
| Tarifo 2 | € 9 | po € 7 |

**Internacia Infana Kongreseto**

# IIK laŭ latinamerika ritmo!

La 41a Infana Kongreseto sukcese okazis en Havano kun kvardek kvar partoprenintoj: 18 knabinoj, 17 knaboj kaj 9 gvidantoj el naŭ landoj. La mondonacoj de UK-anoj el la lastaj jaroj ebligis subvencii 18 kubanojn. Aparte notindas grupo de 10 meksikanoj. Jen la kongresetanoj salutas vin dum ekskurso.



En la programo okazis manlaborado, kantado, ekskursoj, naĝado en la kongreseja naĝbaseno, muziko kaj multo pli. Jen oni muzikas.



Pliaj fotoj kaj sinprezentoj de la partoprenintoj videblas en bertosch.free.fr/iik2010fotoj

La sekva IIK okazos en la dana urbeto Hundested,vidu fotojn en bertosch.free.fr/iik2011

La rubrikon prizorgas:
Mónika Molnár

Iru al www.lernu.net por vidi la bildojn kolore.



# Rakontu al mi... - 3

Post la rakonto pri la bela floreto, Kontentulo demandis la tri atentemajn infanojn:

- Ĉu vi trovis la indikitajn literojn en la rakonto?
- Jes! - respondis koruse la infanoj. - Kaj ni ne nur trovis ilin, sed eĉ solvis la enigmon pere de ili! - diris fiere Ridemulido.
- Do, iu diru al mi, al kio la jaro 2010 estas dediĉita? - demandis Kontentulo.
- Al la biodiverseco! - diris Ludemulido. - Kaj tio estas mirindaĵo. Ĉu vi scias, kara Kontentulo, kio okazis al mi hieraŭ en la ĝardeno? Mi volis desegni niajn belajn floretojn, do mi sidiĝis apud ilin. Desegnante la oranĝkolorajn petalojn, papilio venis sur miajn ŝultrojn. Estis belege! Ĝi havis nigrajn-blankajn-ruĝajn flugilojn kaj estis tre delikata, tre gracia besteto. Mi eĉ respiri apenaŭ kuraĝis por ke mi ne fortimigu ĝin. Mi nur sidis tie kaj admiris ĝin longe. Tiom longe, ke eĉ la luno ekaperis jam sur la ĉielo!
- Tion mi ne kredas! - diris Kontentulido. - Viaj gepatroj certe ne permesus al vi resti tiom longe en la ĝardeno, ĝis la nokto.




- Ne, ne, ne estis nokto! - protestis Ludemulido. - Estis tre strange, ĉar mi vidis la sunon kaj la lunon samtempe!
- Ho, tion eĉ mi ne kredas! - replikis Ridemulido. - Vi ridigas min. Ĉiuj scias, ke tage ni vidas la sunon, kaj nokte la lunon.
- Karaj infanoj, Jes ja, tio foje povas okazi, ke ni vidas samtempe surĉiele la sunon kaj la lunon. Sed ankaŭ vi pravas, Ridemulido, ĉar plej ofte ili tamen estas malkunaj. Kaj se ni jam parolas pri ili, ĉu interesus vin ekkoni la historion de la luno, kiu enviigis la sunon?



- Jes! Rakontu al ni tiun historion!

La infanoj sidiĝis ĉirkaŭ Kontentulon kaj sorĉite aŭskultis la novan rakonton.

# La luno...

verkis Jonathan Gamez /Ĵonatan Game/



Estis foje ie en la ĉielo, ke la luno iĝis tre laca. Ĝi pensis, ke estus bone ripozeti, dormeti iomete. Do ĝi iris en la luno-liton.



Venis la suno, vidis la kuŝantan lunon kaj diris al ĝi:
-Bonan nokton, Luno!
-Dankon, sed ne estas nokto! Ĝuste ne. - diris la luno.



La suno sciis, ke la luno pravas, tamen ĝi estis iom konfuzita. Streĉetis la ŝultron kaj foriris. Ĝi brilis la tutan tagon surĉiele.



Post la tuttaga dormado la luno ne plu estis laca. Ĝi ellitiĝis, tiretis sian korpon kaj grandbuŝe oscedis.
Kaj mirinde, el ĝia buŝo belegaj steletoj eliris.



La belegaj steletoj iris en la ĉielon kun la luno. Ili estis belaj, brilaj kaj kondutis kiel la infanoj de la luno, restis ĉiam ĉirkaŭ ĝi.

# ... kaj la suno





La suno, kiu vidis tion, tre miris pri la okazaĵoj. Ho, ankaŭ mi volas infanojn! Ankaŭ mi faros tion! Ĝi malfermis la buŝon kaj longe klopodis elirigi steletojn, sed ĝi ne sukcesis.

La suno triste pensis, ke ĝi ne kapablas fari steletojn. Tio ege malĝojigis ĝin kaj ĝi komencis plori. Komence ĝi ploretis, poste ploris kaj fine ploregis la suno pro sia malŝanco.



Iom post iom ĝi tamen konsoliĝis kaj ĉesis plori. Jes ja, ĝi ne kapablas elirigi steletojn el la buŝo, sed ĝi kapablas kreskigi belegajn florojn...



... kaj ĝi kapablas varmigi la akvon por ke la fiŝetoj bonfartu tie. La fiŝetoj ĝojas. Kaj pro tio ankaŭ la suno ĝojas.



Dank' al la suno, la vivo estas pli bela sur nia Tero! Kaj tio estas granda donaco!



Aŭskultante la historion la infanoj dolĉe endormiĝis kaj daŭrigis la historion en siaj sonĝoj. Ĉu ili sonĝis pli pri la luno aŭ pri la suno? Tio restos mistero.

# Antaŭpaŝas ILEI en Matanzas

Instruistoj kaj studentoj el 26 landoj kunvenis por inspira semajno meze de julio en la kuba urbo Matanzas. ILEI estas la ligo kiu servas al la instruistoj kaj provas bonigi kaj multigi la instruadon de Esperanto tra la mondo. Ĝuste por tion fari en suda kaj centra ameriko (granda parto de la mondo!) ĝi organizis en Kubo sian 43an Konferencon. Jen la kolegoj kunvenis por grupa foto antaŭ la naĝejo de la konferenca hotelo:



Ni tre ĝojis akcepti inter ni dek kubanojn, pluraj el ili prezentis prelegojn pri iu aŭ alia aspekto de instruado, kiujn ĉiuj ĝuis. El la sesdeko da partoprenantoj, 22 venis por aparta seminaria programo, en kiu ili multe studis Esperanton, krome ili rolludis pri interkulturaj spertoj kaj plie diskutis kaj planis kiel anonci kaj organizi kursojn. La plimulto de la seminarianoj estis junaj kaj venis el latin-amerikaj landoj: Argentino, Bolivio, Brazilo, Dominika Respubliko, Haitio, Meksikio (kie novaj kursoj ekfunkcias), Nikaragvo kaj Urugvajo.




Ili ĉiuj entuziasme kaj diligente partoprenis kaj plenumis plurajn praktikajn taskojn. En la bildo, organizintoj Radojica Petrović kaj Martin Schäeffer pozas antaŭ la konferenca ŝildo.

Regis bona etoso tra la semajno, precipe vespere kiam la seminarianoj kaj la konferencanoj kunestis kaj kunfestis. Oni eĉ scipovis ridi dum la komitat-kunsidoj:



Konferencanoj konas amason da lingvoj, do ideala momento por organizi lingvan festivalon por la urbanoj de Matanzas. Ĉe kvino da tabloj en la ĉefplaco – kaj pro subita pluv-ŝtormo poste en la urba biblioteko – la homoj povis ekscii pri plej diversaj lingvoj, inter ili, evidente, Esperanto. La urbanoj montris grandan scivolemon kaj interesiĝon.





Kubo havas multajn interesajn plantojn, fruktojn kaj bestojn. Jen dekstre grandega krabo, larĝa je pli ol 20 centimetroj.



Nia temo estis 'Edukado por kultura proksimiĝo' Do ni pensis kiel Esperanto funkcias kiel ponto-lingvo inter kulturoj. Ne mankis apuda fizika ponto por helpi al ni pripensi la temon.

Foto de la Lingva Festivalo: Gilda Muñoz. Aliaj: smg.

# LA SIGNIFO de la koloro ORANĜO

Oranĝo estas koloro mezvoje inter flavo kaj ruĝo; la mala koloro estas bluo. La koloro estas nomita laŭ la tiukolora citrusa frukto.





La averta trafiklumo estas oranĝkolora, kaj anoncas la tujan ŝanĝon inter ruĝo (haltu) kaj verdo (iru). Kiam trafiklumo oranĝiĝas post verdo, la intencata mesaĝo estas: 'Malrapidiĝu kaj ekhaltu, ĉar tuj sekvas la ruĝo'. Sed en la menso de multaj ŝoforoj, ĝi signifas: 'Rapidiĝu elane, ĉar tuj sekvas la ruĝo, kaj mi ne intencas atendi.'

Oranĝo estas populara en komerco. Ĉefa telekomunika kompanio en Francio nomiĝas *Orange*. La ekspedokompanio *TNT* pentras siajn kamionetojn kaj aviadilojn blanke kaj oranĝe, same la flugkompanio *easyJet*. Tiu populareco rilatas al ĝiaj atentokaptaj kvalitoj. Oni malkovris, ke forta oranĝo estas pli tuje videbla ol la tradicie uzata ruĝo – do pli da averto-tabuloj, ambulancoj kaj kriz-veturiloj nun estas oranĝaj kaj ne ruĝaj.

La reĝa familio de Nederlando estas signata per la koloro oranĝo; al la ŝtata flago (blua, blanka, ruĝa) oni ofte aldonas oranĝan rubandon. La subten-antoj de la nederlanda futbalteamo abunde vestas sin per oranĝaĵoj. Fakte, la origino de tiu reĝa nomigo estas nek la frukto nek la koloro, sed teritorio kaj samnoma urbo en sud-orienta Francio, ligita kun la reĝa familio, tiel ke la reĝ-heredonto portis la titolon 'Princo de *Orange-Nassau*'. Nassau en la Bahamoj estis ankaŭ siatempe posedaĵo de la nederlanda reĝa familio. Nur poste la nederlandanoj ligis la koloron al tiu titolo.

Oranĝo, blanko kaj verdo aperas en la flagoj de Irlando, Niĝero kaj Eburbordo. Oranĝo reprezentas hinduismon en la flago de Srilanko. La ribelado en Ukrainio en la naŭdekaj jaroj uzis la koloron, kaj nomiĝis 'la oranĝa revolucio'.

Aliaj signifoj de oranĝo – averto, aŭtuno, deziro, fajro, hindaj religioj, vestaĵokoloro de budhistaj monaĥoj, la uson-devena festo *Halloween* (eble pro la koloro de kukurboj kaj kandeloj), insisto, persisto, kompato, eltenkapablo kaj optimismo.

smg



# Fruktodona krucenigmo!




**Horizontale →**

1. Frukto kiu estas kutime preskaŭ ronda; la ŝelo estas ruĝa, flava aŭ verda, la interno blanka kun pluraj semoj en kerno. Ofte oni manĝas la ŝelon. Laŭ legendo, la sviso Vilhelmo Tell pafis per pafarko kaj sago tiun frukton for de la kapo de la filo.
5. Frukton. La ŝelo estas kutime flav-bruna, la interno blanka kaj same kun pluraj semoj en kerno. Fama esperantisto eldonis kasedon kun la vortluda titolo: 'Frandu ______.'
6. Longa kurba iom tropika frukto. La ŝelo estas flava, foje kun brunaj punktoj. La ŝelo estas dika kaj normalaj homoj ne manĝas ĝin. Estas facile senŝeligi ĝin. La semoj estas tre malgrandaj – oni manĝas ilin eĉ senscie. Ĝi ne havas kernon.
7. Persono kiu rapidas per-piede, eble por trafi buson, fuĝi de leono aŭ por sporti. (R)
8. Horizontale grand-dimensian. Ekzemple: 'Malfacilas transnaĝi _______ riveron.' Kaj 'Estas danĝere transiri _______ avenuon meze de urbego premhore ekster oficiala transirejo.'
10. Tuj apude. Nederlando troviĝas ______ de Belgio.

**Vertikale ↓**

1. Kreskaĵo kun trunko, branĉoj kaj nadloj anstataŭ folioj. Ĝi ne perdas la nadlojn dum la vintro. Ĝi reproduktas sin per semoj en strobiloj. Ĝi kreskas rapide, do multe uzata en la ligno-industrio. Kiu festas Kristnaskon ofte prenas tiun kreskaĵon en sian domon kaj ornamas ĝin. (R)
2. La koloro prezentata en la apuda artikolo, kiu estas nomata laŭ iom tropika citrusa frukto, kiu estas pli dolĉa ol citrono kaj limono.
3. Serio de pintoformaj altaĵoj. La Urala _______o apartigas Eŭropon de Azio. (R)
4. Frakcio: Kvin estas du____ de dek.
5. En duoj. Ŝuoj estas tipe ________. 2, 4 kaj 6 estas ______ numeroj, sed 1, 3 kaj 5 estas mal_______.
6. Sfero-forma. Ekzemple: Neĝ_____ batalo. Viand_____ spageto.
9. Ĉerizo ____ estas citrusa frukto.

(R) = uzu nur la radikon, do sen finaĵo.

smg

Sendu solvon, ni donos premiojn!



# LEGU kaj ĜUU



LEGU LIBROJN - PREMIOJ - KONKURSOJ
Iniciato de la POLA SEKCIO de ILEI

Rubrikestro: Małgosia Komarnicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin, Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com

Karaj legantoj, preparante la nunan numeron de la rubriko mi kun granda ĝojo informas, ke konkursan libron "Reĝo Maĉjo la Unua" de Janusz Korczak ricevas la *Klubo de Esperanto* en Mikołów (Pollando). La solena transdonado de la premio okazos oktobre dum la ceremonio *50 jaroj de Esperanto en Mikołów*. Mi ankaŭ ege dankas al ĉiuj, kiuj skribis al mi.

Meze de junio mi havis la eblecon interparoli kun gimnazianoj, kiuj lernas Esperanton en la germana urbeto Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo. Speciale por ili mi kunportis la unuan ĉi-jaran numeron de Juna Amiko, por ke ili povu diskuti pri la temo "Ĉu kaj kial valoras legi librojn". Imagu, komence de nia diskuto triono de la lernantoj tuj konfesis, ke ili ŝatas legi librojn, la alia triono konstatis, ke ili ne ŝatas legi librojn kaj la lasta triono, ke ili legas malmulte, ĉar ili ne havas tempon kaj pli facile estas rigardi filmojn ol legi librojn.

La diskuto estis tre vigla kaj ĉiu flanko prezentis siajn argumentojn por konvinki la aliajn pri siaj starpunktoj. Kun granda intereso mi observis la interŝanĝon de opinioj, pensoj kaj ideoj inter la gejunuloj, sed plej multe surprizis min la rezulto.

Kion vi opinias: kia estis la rezulto de la diskuto? Antaŭ ol vi tralegos la respondon pripensu, kia rezulto estus en via klaso se vi diskutus pri tiu temo? Provu iniciati similan diskuton kaj prezentu al ni ties rezulton.

Mi tre ofte legas aŭ aŭdas, ke la junularo ne ŝatas legi librojn, kaj tio ja ne estas vero. La plimulto el ili ofte legas kaj sincere parolas pri tio. Nur malgranda grupo da legantoj hontas konfesi pri sia legado. La grupo, kiu diris, ke ili ne legas librojn, tamen dum la interparolado konfesis, ke ili legas de tempo al tempo. Eĉ se ĉi tiun kontentigan rezulton ni dividos per du, la ricevita rezulto ankaŭ montras, ke tamen ili ŝatas legi librojn.

Resumante mian renkontiĝon kun la germanaj gejunuloj en Herzberg mi konstatis, ke ili ŝatas legi librojn kaj ke la legadon ili opinias valora aktiveco, ĉar

ĝi tre riĉigas la vortprovizon, instruas pensadi kaj evoluigas lingvokapablojn. Ili ankaŭ konstatis, ke ne estas facile trovi interesajn librojn en bela lingvaĵo, precipe tiujn, kiuj havas pozitivajn valorojn.

**KLUBO de BONA LIBRO**

Ni establu Bibliotekon de Juna Amiko por junuloj kaj infanoj rekomendante valorajn librojn unu al la alia. Viajn proponojn, kun titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo, sendu al la adreso kiun vi jam vidis supre aldonante la noton: Biblioteko de Juna Amiko.

En nia Biblioteko de Juna Amiko jam estas:



- *Fabeloj* de Hans Christian Anderson
- *Fabeloj* de Fratoj Grimm
- *La Eta Princo* de Antoine de Sain-Exupéry

**Rekomendo:** Per sia propono al nia *Biblioteko de Juna Amiko* aliĝas nova redaktoro de nia revuo *Julianna Vas-Szegedi*. Jen ŝi skribas:

*Karaj, junaj legantoj!*

*Kiu pensus? Ĉiuj plenkreskuloj estis iam infanoj..., jes, ankaŭ mi. Kaj ankaŭ mi ege ŝatis komence aŭskulti, poste legi la fabelojn. Mi ne nur la fabelojn de mia bela lando, Hungario ekŝatis sed ankaŭ fabelojn de aliaj nacioj. Mi memoras, ke unu libron mi denove, denove kaj denove legadis ĝis la libro tute disfalis.....Tiu libro estis fabelkolektaro de Fratoj Grimm. La rakontoj de fratoj Grimm, kiel ĝenerale ĉiuj fabeloj, plej multe plaĉas al infanaj legantoj ankaŭ antaŭe kaj mi kuraĝas pensi: eĉ nuntempe. Ankaŭ Esperante, ja la talenta esperantisto, Kabe (pseŭdonimo de Kazimierz Bein) tradukis tiujn fabelojn al Esperanto.*

*Kaj nun vi povas demandi min, karaj junaj legantoj: "Kara anjo Julika! Ĉu vere tiuj fabeloj de Grimm estas tiel bonaj?" Mi mallonge povas doni al vi la respondon: ankaŭ nun mi havas tiun fabellibron de Grimm, kiun mia avino aĉetis kiam mi estis etulo! Kaj imagu: ankaŭ NUN mi kutimas legi el ĝi fabelojn al mia la plej juna filo, kiu nun estas du jara. Al li ege plaĉas la fabeloj de Grimm, de vespero al vespero, kaj mi vidas en liaj okuloj: tiuj fabeloj prisorĉas lin, kiel antaŭ multe da jaroj ankaŭ min! Tio estas la plej granda ĝojo por mi! Nu, legu ankaŭ vi tiujn fabelojn, kaj vi spertos la sorĉon!"*

**DIVENU TITOLON - KONKURSO por junaj legantoj**

Mi preparis por vi la specialan konkursan taskon. Rigardu la belajn bildojn el konataj fabeloj. La tasko estas la jena: divenu la titolojn de la fabeloj kaj sendu ilin al ni (al ĉiu numero aldonu la respektivan titolon). Ne forgesu aldoni vian

nomon, aĝon kaj adreson kaj la konkursan titolon: Divenu Titolon. La sendintoj de la du unuaj ĝustaj solvoj ricevos premion de la pola sekcio de ILEI.


1.


2.


3.


4.


5.


6.


7.


8.

**DIALOGO inter patrino kaj filo**

Karaj, kiam mi estis infno, kaj do en la plej belaj tempoj de mia vivo, mia vera amiko estis flava urseto, kiu ĉiumatene atendis min sur mia kapkuseno. Ĝi konis ĉiujn miajn sekretojn kaj revojn. Ĝi neniam kverelis kun mi, sed ĉiam atendis

min kun frateca feliĉo. Poste, kiam mi maturiĝis multe da tempo mi pasigis kun miaj geavoj kaj ili estis miaj plej bonaj amikoj. Mi havis ankaŭ multajn lernejajn geamikojn, sed ofte tiuj geamikoj ne estis veraj geamikoj...

Ekde 20 kaj 30 jaroj mi havas du verajn amikinojn. Ni kune travivis kelkajn malfacilajn momentojn dank' al kiuj nia amikeco plifortiĝis. Vera estas la proverbo: *Veraj amikoj rekoneblas en ĉagreno.* Ĉiu el ni bezonas amik(in)on kaj la amikeco estas la plej valora trezoro en la mondo. Tralegu la dialogon inter patrino kaj filo kaj pripensu la respondon: *Kio por vi estas amikeco?*

- Filo: Kio estas amikeco?
- Patrino: Amikeco estas granda homa bono, unu el la plej valoraj atingoj de homa kulturo. Ĝi estas la plej granda trezoro kiun disponigas la homo, ĉar ĝi respondas al la plej profunda homa deziro, al la bezono de komunikado. Pere de amikecoj ni disvolviĝas kiel homaj estaĵoj...
- Filo: Ojej... tro longe!
- Patrino: Ĉu vi atendas, ke mi respondu per unu frazo?
- Filo: Jes. Mi volus havi mallongan difinon de amikeco.
- Patrino: Eble mi ne scipovas fari tion... eble... „duono de animo mia." Tiel difinis ĝin Horacio.
- Filo: Kion donas al ni amikeco?
- Patrino: Oni malpermesas, ke la amikeco fariĝu la celo en si mem...
- Filo: Kial?
- Patrino: Ĉar tiu-kaze ĝi perdas sian valoron. Dank' al amikeco ni ŝanĝiĝas, ni venkas malfacilaĵojn, ni disvolviĝas... Dank' al ĝi ni povas transvivi malfacilajn momentojn...
- Filo: Jes, jes sed kiel estigi veran amikecon?
- Patrino: Oni devas malfermi sin al aliaj kaj venki sian egoismon... Ne devigi alian personon akcepti nian vivrigardon pri la mondo. Ĉiu rajtas kredi je tio, je kio li/ŝi deziras, senkonsidere pri ekzistantaj pruvoj. Veraj amikecoj instruas kompaton, reciprokan fidon, sentemon, impresemon, helpon de aliaj kaj venk-adon de nia egoismo. Vera amikeco do ne estas nur reciproka estimo, akcept-ado, agrabla pasigado de tempo aŭ reciprokaj servoj, komplezoj.
- Filo: Kial miaj lernejaj amikecoj jam ne daŭras?
- Patrino: Amikeco devas esti flegata. Se ĝi estas nezorgata kaj senatenta ĝi disfalas. Kompreneble amikeco ne estas ebla, se ni ne scipovas kompreni niajn malfortecojn. Eraro estas atendi, ke nia amiko estos pli perfekta ol ĉiuj aliaj personoj konataj de ni.

- Filo: Sed trovi veran amikon estas tre malfacile.
- Patrino: Kompreneble! Ĉu vera amiko estas tiu, kun kiu ni pasigas multe da tempo aŭ tiu, kiu eluzas nin por fari liajn aferojn, ĉar li mem ne sci-povas fari tion?
- Filo: Tio signifas, ke ni ofte tro uzas la vorton *amikeco*?
- Patrino: Jes, mi pensas tiel. Tial mi citos al vi Antoine de Sain-Exupéry: *„Amikoj estas kiel kvietaj anĝeloj, kiuj eklevas nin, kiam niaj flugiloj forgesas kiel flugi".*



Karaj legantoj, ĉiu el vi certe havas amik(in)o(j)n. Priskribu ŝin/lin/ilin kaj kiom longe daŭras via amikeco. Provu skribi kio estas por vi amikeco. Kaj eble vi aŭ viaj gefratoj desegnos bildon, kiu prezentos amikecon...

La plej valorajn priskribojn premios la pola sekcio de ILEI per libro. La konkursan taskon sendu al la adreso kiun vi jam vidis supre aldonante la titolon: Dialogo.

Ĉiujn konkursajn taskojn bonvolu sendi ĝis la 30a de novembro 2010.

Finante la rubrikon mi enmetas la belan poemon de Julian Tuwin, kiun esperantigis Danuta Kowalska:

**Danco**

Tabureto la sitelon
invitas al dancvespero.
Kruĉo de la breto: "hop!"
"Min invitu al galop' !".

Post la kruĉo, la telero
ruliĝas en kuirejo.
Forno dika kaj bastono
dancas vigle kun fervoro.

En angulo balailo
ankaŭ volus, malgraŭ timo,
ke en danco disŝutiĝos,
kiel poste kunplektiĝos?

Dancas kesto kaj hakilo.
Plore ĝemas balailo,
jam deteni sin ne povas,
ekdancetas, polvon blovas.

# Ponto de amikeco

**Teksto: Anja Karkiainen**
**Muziko: Vesa Pölkki**






Neniam mi vizitis vian landon,
sed estas, kvazaŭ mi ĝin bone konus.
Kaj se mi havus nun pri ĝi demandon,
mi scias, kiu ja respondon donus.

Ni fojon unu la alian vidis,
tuj poste tamen nin disigis limoj.
Letere niajn pensojn ni dividis
kaj peris fratajn sentojn de l' animoj.

Espero en mi vivas pri renkonto,
sed eĉ se ĝi nur bela revo restas,
nin ĉiam kunen ligos firma ponto,
ĉar kora amikeco en ni nestas.

---

**Solvoj pri aĝo (paĝo 31)**
Bebo, infano, adoleskanto, junulo, adolto/plenkreskulo, maljunulo, profundaĝulo, plej-aĝulo

# InterKultura Mondo

www.interkulturo.net

Rubrikestro: *Elena Nadikova*, Rusio
lena_espero@mail.ru

Saluton, karaj legantoj! Kiel vi scias, la celo de nia rubriko estas informi la legantojn pri diversaj internaciaj kaj interkulturaj kontaktoj de homoj (unuavice lernejanoj) pere de Esperanto; pri realigado de diversaj programoj, projektoj, ktp. rilate tiujn kontaktojn. Hodiaŭ ni intencas apogi la temon kaj rakonti pri la nova E-projekto. Ĝi nomiĝas "**Gvidlibro de la amikeco**", kiu realiĝos per la programo de la Eŭropa Unio "Lernado dum la tuta vivo" – Komenio *(Comenius)*. La projekton gvidos jam konata al ni sinjorino *Mariana Genĉeva* el Bulgario (vidu la numerojn 2/2006, 1/2007, 2/ 2008). Bazaj temoj kaj problemoj de la partnereco estas: reciproka edukado pri la partneraj eŭropaj landoj kaj plialtigo de la lernantaj intelektaj atingoj, kiuj estas necesaj en la ŝanĝiĝanta Eŭropo. Enkadre de tiu projekto jam okazis du labor-renkontiĝoj: en Bulgario, en la urbo Polski Trambeŝ (novembre 2009) kaj en Francio, en la urbo Vaulx-en-Velin (maje 2010).

Ĉi-numere nia rubriko rakontas pri la unua renkontiĝo – en Bulgario. Gastoj en la lernejo "Canko Cerkovski" kaj en la urbo Polski Trambeŝ estis gelernantoj kaj geinstruistoj el Francio, Pollando kaj Hungario. La lingvo de la interkomunikado estis Esperanto. Pere de ĝi la junaj homoj de ĉiuj partneraj landoj kaj iliaj gvidantoj trapasis la lingvajn barojn, kiuj ofte ekzistas antaŭ partoprenantoj de similaj okazaĵoj. La temo de la unua labor-renkontiĝo, okazigita en lernejo "Canko Cerkovski" , Bulgario, estis "Mult-vizaĝa Eŭropo".

Ĉiu lernejo ellaboris multimedian prezentadon laŭ la temo – "La lando de miaj geamikoj". La lernejo de Bulgario prezentis Francion, la lernejo de Francio prezentis Pollandon, la lernejo de Pollando – Hungarion, kaj

la hungara lernejo – Bulgarion. La prezentadojn ni montris antaŭ ĉiuj partoprenantoj en la projekto kaj ankaŭ antaŭ multaj geinstruistoj kaj gelernantoj, kiuj partoprenis en la laboragadoj kun granda intereso.

Ĉiu partnera grupo havis ankaŭ la eblecon prezenti sian propran landon. Dum la gastigitaj geinstruistoj renkontiĝis kun la instruistaro de la lernejo "Canko Cerkovski", la gelernantoj faris afiŝojn kun informoj pri


Poloj dancas

siaj lernejoj, urboj kaj landoj. Poste ĉiuj afiŝoj estis metitaj en videbla loko de la lernejo. Vespere ĉiuj partoprenantaj lernejoj prezentis sian landon kantante kaj dancante – vestitaj en siaj belaj popolaj kostumoj. Inter la gelernantoj de la kvar partneraj lernejoj okazis komputila-matematika konkurso, konkursoj pri futbalo, basketbalo kaj volanteniso. La gastoj havis eblecon viziti lernohorojn pri muziko kaj sporto. Ni ĉiuj vidis, ke inter la gelernantoj kaj la geinstruistoj de la landoj tute ne estas diversecoj, des pli ne, ke ni havis komunan pontolingvon – Esperanton.

Ni kune vizitis ankaŭ la sidejon de folklora grupo "Poljanci" kaj tie ĉiuj

gastoj havis eblecon lerni kelkajn belajn bulgarajn popoldancojn kaj iuj eĉ ekdancis dum la ripetado. Vespere ni ĉiuj ĝuis la belegan koncerton de la junaj popolaj kantistoj kaj dancistoj de "Poljanci".

Ĉiuj partoprenantoj renkontiĝis kun la urbestro kaj membroj de la urba konsilantaro, kiuj ricevis multajn demandojn de la gastoj. La respondoj estis tre detalaj. Ankaŭ tiu ĉi renkontiĝo okazis en Esperanto kaj kiam necesis traduko, faris ĝin s-ino Mariana Genĉeva. Dum la renkontiĝo naskiĝis la ideo pri peresperanta ĝemeliĝo inter Polski Trambeŝ kaj iu el la partneraj urboj de la projekto. Ni vidos, kiel kreskos tiu ĉi ideo.

La gastoj havis eblecon viziti la urbojn Veliko Tarnovo, Pleven kaj Etara. Ili ekamis multajn el la belegaj lokoj de Bulgario kaj deziras iam denove reveni ĉi tien.

Ni absolute certas, ke tiu deziro de la partoprenantoj nepre realiĝos! Ja Esperanto donas unikajn eblojn pri similaj kontaktoj. Kaj, sendube, ĝi ĉiu-flanke kontribuas al **pli konata, pli bona kaj pli amikema Unuiĝinta Eŭropo.**



Ekspozicio

*"Interkultura mondo" kore dankas al sinjorino Mariana Genĉeva pro la disponigitaj materialoj.*

---

*absoluta:* tute senduba / *afiŝo:* sciigo al la publiko, presita sur papero / *disponi:* havi ion iam ajn uzeblan / *ĝemeloj:* dunaskitoj / *intelekto:* kapablo lerte kaj logike pensi / *koncerto:* muzika programo / *multimedia:* programo el diversaj specoj / *partnero:* kunulo / *programo:* resumo de tio, kio estos prezentita / *projekto:* proponata plano / *volano:* plum-hava pilketo

***Jen trafa proverbo pri la aĝo:***

# Juneco ne scias, maljuneco ne povas

Sekvas kelkaj utilaj kaj tre oftaj esprimoj, parol-turnoj pri "aĝo".

Oni povas **demandi pri ies aĝo** divers-maniere. *(Kursive vi trovas la respondon.)*

| | |
|---|---|
| Kiom da jaroj vi havas? | *Mi havas dek sep jarojn.* |
| Kiun aĝon vi havas? | *Mi havas 21 jarojn.* |
| Kiomjara vi estas? | *Mi estas dudek-jara.* |
| Kiom vi aĝas? | *Mi aĝas 18 jarojn.* |

Same **pri la naskiĝ-dato** oni povas demandi laŭ tri malsamaj manieroj:

| | |
|---|---|
| Kiam vi naskiĝis? | *La 2an de januaro 1996.* |
| Kiam vi estis naskita? | *La 27an de marto 1989.* |
| Kiu estas via naskiĝ-dato? | *La 18a de aŭgusto.* |

**Kiel kompari aĝojn?**

Li estas samaĝa **kiel** mi. Ni estas, do, **sam**aĝuloj.
Li estas **unu jaron / je unu jaro** pli / malpli aĝa **ol** mi.
Ŝi aĝas **du jarojn / je du jaroj** pli / malpli **ol** mi.
Li estas **la (mal)plej aĝa** el ni.

La subaj vortoj indikas homojn en diversaj aĝoj. Ĉu vi povus klasi ilin de la plej juna ĝis la plej aĝa?

| | | |
|---|---|---|
| adolto | plejaĝulo | infano |
| maljunulo | bebo | adoleskanto/-ulo |
| junulo | plenkreskulo | profundaĝulo |

*(Solvoj sur paĝo 27)*

Ĉu vi scias, kio estas **paronimo**?
Ĝi estas vorto **forme preskaŭ sama**, sed **signife tute alia.**
Ekz.: *adolto* (plenaĝulo) – *adulto* (ago de iu, kiu rompas geedzan fidelecon)

Alia enkapiginda proverbo: ***Lernu junula, vi scios maljunula.***

Notu la subajn **parolturnojn**, se ili plaĉas al vi:

*Li ĵus elrampis el la ovo-ŝelo.* (Li estas ankoraŭ tre juna.)

*Havi ankoraŭ lakton sur la lipoj.* (Esti tre juna.)

*En la floro de la juneco.* (En la plej bela parto de juneco.)

*Esti en delikata aĝo.* (Delikata aĝo estas adolesk(ant)eco, kiam oni renkontas multajn problemojn, serĉante sian vojon.)



Laŭ "Leksikaj ekskursoj" de *Christiane De Vlemink* kaj *Emile Van Damme*, 1997

# LA BLUA BIRDO

## Amerika legendo

Iam vivis infano kaj blua birdo. La infano estis indianeto, nomata Tluliko. Kaj pri la birdo oni diris, ke ĝi kantis kiel lignaj flutoj. Sed Tluliko sciis, ke la flutoj estas tiuj, kiuj imitas la kantadon de la blua birdo.

Tluliko deziris donaci ion belan al la birdo, kiu tagon post tago donas sian muzikon al li. Li sciis, ke en lia vilaĝo ĉiuj scipovas teksi per fibroj de palmo kaj de aliaj arboj kaj faras el ili korbojn, lampojn, ventumilojn kaj multajn belaĵojn. Tluliko decidis donaci teksitan palacon kun kupolo kaj turo kiel krono.



Pro tio, nia Tluliko iris al la rivero kaj prenis kuĥon* kaj kavan trunkon de fragmito, kiu estas planto tre simila al bambuo. Per tiu materio li komencis fari grandan palacon de kelkaj etaĝoj kun kupolo kiel krono, kolonoj kiel filigranoj. Kiam ĝi estis preta, Tluliko iris por donaci ĝin al la blua birdo. Tiam li aŭdis Ismon, la saĝan maljunan indianon, kiu kutime sidis ĉe la enirejo de la vilaĝo kaj teksis korbojn. Li diris:

„Tie iras la eta Tluliko kun kaĝo, kiu ŝajnas palaco. Sed tio estas kaĝo, ĉar li volas enkaĝigi la bluan birdon".

La malgranda Tluliko kuris tre rapide, brakumante sian palacon, kaj serĉis la bluan birdon. Kaj li

trovis ĝin donanta koncerton al la tunfloro. Tluliko diris:

„Blua birdo, birdeto mia! Per fragmito mi teksis por vi palacon kun kupolo kiel krono. Sed Ismo, la maljunulo diras, ke tio estas ne palaco, sed kaĝo".

Via palaco estas bela", diris la birdo. „Sed por kio mi volus palacon? Mi fartas pli bone kantante en tunfloro aŭ sur via fenestro".

„Mi ne volas enkaĝigi vin, blua birdo", diris la eta Tluliko. „Mi volas, ke via fluta kanto kaj belegaj flugiloj havu domon".

„Kaj vere, vi faris tre belan domon por mi. Sed estus pli bele, ke mi ne troviĝu interne. Pendigu ĝin sur via fenestro. Tiel mi povos vidi ĝin kaj ĝoji pri la beleco de via fragmita palaco. Kaj mia kanto estos pli bela, ĉar mi estos pli feliĉa. Tiam la maljunulo Ismo kaj ĉiuj, kiuj preterpasos, povos diri: 'Tiun palacon teksis Tluliko per siaj manoj por ĝojigi sian amikon, la bluan birdon'".

Elhispanigita de *Jozefo de Jesús Campos Pacheco, Kubo*

* Kuĥo estas planto, kiu kreskas en Kubo sur ŝtoneca grundo.

*fibro*: faden-forma aĵo en karno aŭ ligno / *filigrano*: delikata teksaĵo el oraj aŭ arĝentaj fadenoj / *fluto*: blov-muzikilo, tubo kun truoj / *fragmito*: alta rekta kaj maldik-trunka kreskaĵo / *indianoj*: praloĝantoj de Ameriko / *koncerto*: granda muzika programo, prezentaĵo / *krono*: cirkla kapornamo de reĝoj / *kupolo*: duon-sfera tegmento / *legendo*: fabeleca rakonto pri malnova historia okazintaĵo / *palaco*: belega domego / *palmo*: tropika arbo kun ventumil-formaj branĉoj

# ESPERANTO-KURSO EN ĈINA UNIVERSITATO

La 7an de majo, en la ĉina urbo Kantono, okazis inaŭguro de Esperanto-kurso, en la Universitato Baiyun.

Dum la malferma ceremonio du gestudentoj laŭtlegis la salutmesaĝojn de landaj kaj internaciaj Esperanto-organizaĵoj.

Krom la studentaro partoprenis kelkaj lokaj esperantistoj, kaj reprezentantoj de la Universitato Baiyun. Mallongajn prelegojn faris s-ro *Petro Ye* (vicprezidanto de la Esperanta Asocio de Kantono), s-ro *Augusto Casquero* (hispana esperantisto) kaj s-ro *Dai Shengqiao* (ankaŭ profesoro de tiu universitato, organizanto de la kurso, kaj ties instruisto). La tuta ceremonio estis kortuŝa, kaj la ĉeestantoj kaj gelernantoj montris grandan entuziasmon lerni la internacian lingvon E-o.

Fine oni kantis la himnon de Esperanto "La Espero".

Tio certe estas kaj estos kuraĝigo por tiu kaj por aliaj ĉinaj universitatoj kaj lernejoj.

*Augusto Casquero*

*inaŭguri*: solene malfermi / *universitato*: la plej supera tipo de lernejo

*Kontrolu vian vort-trezoron !*

# Testo

## Kiel diri per unu vorto?

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. | *pasi en akvo (a) ; ... sur tero (b) ; ... en aero (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 2. | *fari manĝaĵon per akvo (a) ; ... kukon (b) ; ... viandaĵon en oleo (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 3. | *mortigi beston (a) ; ... homon (b) ; ... kondamniton (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 4. | *El la ĉielo faladas akveroj (a) ; ... glacieroj (b) ; ... blankaj floketoj (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 5. | *Kiun manĝaĵon donas al ni kokino? (a) ; ... bovino? (b) ; ... tritiko? (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 6. | *Kiel „parolas" kato? (a) ; ... ĉevalo? (b) ; ... hundo? (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 7. | *durada simpla veturilo (a) ; granda marveturilo (b) ; aerveturilo (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 8. | *mezurilo de tempo (a) ; ... temperaturo (b) ; ... pezo (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 9. | *En kiu pakaĵo oni vendas muelitan pipron? (a) ; ... vinon? (b) ; ... cigaredojn? (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 10. | *teatra verko (a) ; longa proza verko (b) ; mallonga versa verko (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 11. | *Kio kovras la korpon de homo? (a) ; ... kolombo? (b) ; ... kato? (c)* | | |
| | A) | B) | C) |
| 12. | *Per kio oni lumigas stratojn? (a) ; ... scenejon? (b) ; ... ĉambron? (c)* | | |
| | A) | B) | C) |

Vi povas kontroli la ĝustecon de viaj solvoj sur paĝo 50.

# Kanĵi kaj Amane
## Familiaj Rakontoj

*En iu urbo de Japanio loĝas du infanoj nomataj Kanĵi kaj Amane. Kanĵi estas 4-jara kaj havas deziron fariĝi direktisto de orkestro. Rigardante orkestron aŭ kantistojn en televido, li ĉiam svingas bastoneton. Amene estas ĝuste 2-jara kaj ankoraŭ volas mamsuĉi. Ili estas gefiloj de Takeo, ilia patro, kaj Acuko, ilia patrino. En la sama domo loĝas ankaŭ la gepatroj de Acuko. Ilia domo troviĝas apud lageto. La domo estas ĉirkaŭita de kampoj de iliaj geavoj.*

# Rubaĵ-insekto



Kiam Amane faris monteton el koto en la ĝardeno, ŝi trovis malgrandan insekton. Panjo diris al Amane: "Ĝi estas malgranda skarabo nomata rubaĵ-insekto. Kiam mi estis infano, mi ludis kun ĝi".

Amane demandis: "Kiamaniere vi ludis kun ĝi?"

Panjo respondis: "Tuŝu ĝin per branĉeto".

Ŝi trovis branĉeton kaj tuŝis la insekton, kaj tuj ĝi haltis kaj ŝajnigis sin morta kun ĉiuj siaj piedoj ĉe la brusto. Post kelkaj momentoj, ĝi ekmoviĝis, kaj Amane tuŝis ĝin. Ĝi denove ŝajnigis sin morta, sen-mova. Amane alparolis al ĝi: "Ĉu vi estas morta? Mi scias, ke vi ne estas morta", sed la insekto neniam respondis, ĉar ĝi volis, ke ŝi foriru. Ili ambaŭ estis paciencaj. Amane atendis ĝian ekmoviĝon kaj la insekto atendis ŝian foriron, sed ĉiam la insekto malvenkis kaj ekmoviĝis.

Kelkajn fojojn la samo okazis, sed fine la insekto perdis sian paciencon. Ĝi ne plu volis obei la malicon de Amane. Kiam lasta-foje ŝi tuŝis ĝin per la branĉeto, ĝi ne "mortis", sed kolere atakis ŝin proksimiĝante al ŝiaj piedoj. Amane ektimis kaj iom retropaŝis, sed la insekto impetis. Amane kriis por helpo. Panjo ridetante donis al ŝi bonan konsilon: "Ŝajnigu vin morta!"

Amane ekkuŝis tie senmova kvazaŭ morta, kun okuloj iomete malfermitaj, rigardante la movojn de la insekto. Kio okazis? La insekto impetis plu. Ĝi fariĝis pli granda ol antaŭe, kaj minacis la infaninon kun granda buŝo malfermita. Ŝi ne plu povis toleri la minacon, levis sin plorante kaj alkroĉiĝis al Panjo.

La insekto persvade alparolis al Amane: "Vi estas ankoraŭ malgranda,

*Daŭrigo sur paĝo 36*



# Leono kaj azeno



Foje leono kaj azeno ekiris ĉasi. Per sia enua ia-ado la azeno timigis la bestojn. Multaj el ili fuĝis kaj fariĝis facila predo por la leona buŝego. Tiam la azeno fiere demandis al la leono:

„He, nun diru, kiel plaĉas al vi mia voĉo."

„Kial vi demandas? Se mi ne scius, kiu vi estas, ankaŭ mi timus vian kriaĉon!"

***(Moral)instruo***

*Ne timu iun kriantan, kiu tia-maniere montras sian primitivecon. Ne timu tion, kion vi ne vidas kaj eduku vin ne esti blinda pri realaĵo.*

Jadranka Mirić, Serbio

*Fino de Kanĵi kaj Amane (p.35)*

do mi pardonos vin, sed memoru, ke eĉ malgranda insekto havas koron. Ne forgesu tion".

Amane pardonpetis de ĝi: "Pardonon, sed ĉu mi rajtas tuŝi vin du-tri fojojn?"

La insekto ridete respondis: "Jes, tio estas ludo, sed pli da tuŝoj estas turmentoj. Mi volas esti via bona amiko en la ĝardeno. Ni ludu amike. Do, ĝis morgaŭ", kaj ĝi forflugis en la ĉielon. Amane svingis la manojn kaj adiaŭis ĝin.

*Jasuo Hori, Japanio*

**PIEDNOTOJ** de **Kanĵi kaj Amane**

*impeti:* forte kaj vive sin ĵeti antaŭen
*koto:* tero, miksita kun akvo
*malica:* malbon-farema kontraŭ aliaj
*mamo:* elstara lakto-dona korpo-parto de inoj
*orkestro:* muzikistoj sub direktado de estro
*persvadi:* forte instigi iun al ia ago
*rubo:* forĵetindaĵo
*skarabo:* vidu la bildon sur la antaŭa paĝo
*suĉi:* per buŝo elirigi lakton aŭ sukon el mamo aŭ boteleto
*svingi:* ripete moveti ion tien kaj reen en la aero
*turmenti:* intence kaŭzi al iu grandajn korpajn dolorojn

# Komika fabelo

**Aŭdita de lernantoj**

Korniko sidis sur branĉo de alta, mult-jara kverko. Preterkuris leporo kaj demandis la kornikon: „Kion vi faras tie?"

„Mi fieras!"

„Ĉu mi povas fieri kun vi?"

„Certe. Alvenu!"

La leporo grimpis sur la arbon kaj sidiĝis apud la korniko.

Preterkuris vulpo. Ĝi ekvidis la leporon kun la korniko kaj demandis: „Kion vi faras tie supre?"

„Ni fieras, fanfaronas!"

„Ĉu mi rajtas fieri kaj fanfaroni kun vi?"

„Jes, certe! Venu!"

La vulpo grimpis la arbon.

Preterpaŝis urso. Kiam ĝi vidis la kornikon, leporon kaj vulpon sur la branĉo ĝi demandis: „Kion vi faras tie?"

„Ni fieras, fanfaronas, pavas kaj gaskonas!"

„Ĉu ankaŭ mi povas kun vi?"

„Jes! Grimpu la arbon!"

La urso grimpis kaj sidiĝis sur la branĉon. La branĉo rompiĝis kaj la korniko ekflugis. La leporo, vulpo kaj urso falis teren.

La korniko demandis: „Ĉu vi ne kapablas flugi?"

„Ne, tute ne," respondis la bestoj.

„Do, kial vi volis fieri?"

*Jindřiška Drahotová, Ĉeĥio*



*fanfaroni:* esti tre fiera
*gaskoni:* esti tre fiera, fanfaronegi
*grimpi:* mane-piede malfacile iri supren
*korniko:* vidu la birdon de la bildo
*komika:* ridiga
*kverko:* arbo-speco
*urso:* vidu la grandan beston
*vulpo:* ruza besto de fabeloj



# Testudeto, tamburo kaj Orulo

## Afrik-kuba legendo

Oni rakontas, ke viro havis filon tiom petoleman, ke la saĝega Orulo konsilis al li: *„Ne permesu, ke via filo partoprenu en ĉasado, ĉar io malbona povus okazi al li."*

Tagojn poste, kiam la filo petegis dum horoj, la patro, malgraŭ la konsilo de Orulo, fine permesis, ke la etulo iru ĉasi.

*„Nu bone, iru tra la montaro por ĉasi ion!"*

La petolema etulo trovis birdon sidantan sur branĉo apud river-bordo. Li surgrimpis grandan ŝtonon sub la branĉo kaj diris la si: *Kiom bele kantas tiu birdo! Mi kaptos kaj portos ĝin hejmen.* Sed en tiu momento la ŝtono ruliĝis, kaj li falis en la riveron.

*„Helpu! Helpu! Helpu min!"* kriegis la etulo.

Kaj kiam la etulo jam estis dronanta, li sentis ke io apogas lin desube, tiel ke li povis spiri super la akvo. Tio estis testudo, kiu iom post iom portis lin tra la akvo al la riverbordo. Tiam la testudo diris al li:

*„Mi savis vian vivon. Sed nun vi devas obei min kaj fari tion, kion mi deziras. Kaj mi deziras, ke vi eniru en tiun ĉi magian tamburon. Do, eniru!”*

*„Kaj nun, kion fari?”* kriis la etulo.

*„Do, por ĉiam vi donos voĉon al mia tamburo”*, respondis la testudo.

*„Ne, ne! Permesu, ke mi foriru de ĉi tie!”* diris la etulo plorante.

Proksime de tiu loko troviĝis la patro, kiu demandis al la ĉasistoj: *„Ĉu vi ne vidis mian filon?”*

Sed neniu sciis pri la sorto de la etulo.

Tagojn poste, la senespera patro demandis Orulon, kaj tiu respondis:

*„Se vi volas reakiri vian filon, preparu feston kaj invitu ĉiujn muzikistojn de la regiono, ankaŭ la bestmuzikistojn. Kaj poste vi vidos, kio okazos.”*

Ĉi-foje la viro obeis la konsilon de Orulo kaj organizis la feston. Dum la festo Orulo demandis la viron:

*„Ĉu vi bone konas la voĉon de via filo?”*

*„Jes.”*

*„Do, atente aŭskultu la sonojn de ĉiuj muzikiloj.”*

La patro aŭdis la muzikon de multaj diversaj muzikiloj, kaj subite li rimarkis, ke iu muzikilo sonas strange:

*„Trum trum trum, tram tram tram, pam pam pam, pan pan pan, pat pat pat, paĉ paĉ paĉ, paĉjo paĉjo paĉjo, mi mi mi...”*

La viro proksimiĝis al la tamburo kaj rekonis la voĉon de sia filo kaj pensis: *Sed nun, kion fari? La voĉo en la tamburo estas tiu de mia filo.*

Orulo proksimiĝis por helpi la viron:

*„Ne maltrankviliĝu. Dum la nokto, kiam ĉiuj dormos, ni senŝnurigu la tamburon kaj savu la etulon. Ni enmetos en la tamburon tiun ĉi birdon. La testudo, kiu estos tre laca pro la festo, ne rimarkos la ŝanĝon.”*

Dum la nokto, la patro kaj Orulo tiel savis la etulon, kaj en la sekva mateno la testudo ne rimarkis la ŝanĝon, ĝi kredis aŭdi, ke ĝia tamburo sonas eĉ pli bone.

Do, plian fojon venkis Orulo, saĝulo kaj divenulo, tre amata de ĉiuj.

Elhispanigita de *Jozefo de Jesús Campos Pacheco*

*grimpi*: supren-iĝi sin mane-piede / *legendo*: rakonto pri malnova okazaĵo, en kiu intermiksiĝas historiaj faktoj kun imagitaj mirindaĵoj / *magio*: ŝajna kapablego efiki al la realiĝo de io dezirata / *tamburo*: frap-muzikilo (vidu la bildon) *testudo*: malgranda rampo-besto kun kiraso sur la dorso kaj ventro (vidu la bildon).

# humur

de *Dave Rutan, Zoltán Kurucz, Dieter Berndt, Elizabeta Rajtmár, Saliko*



Ĉe la manĝo-tablo, iun vesperon, la edzino plendas:

"Kiam ni estis ĵus geedziĝintaj, vi prenis la pli malgrandan pecon de bifsteko kaj donis al mi la pli grandan. Nun vi prenas la grandan kaj lasas al mi la malgrandan. Mi dubas, ke vi ankoraŭ amas min."

"Sensencaĵo, karulino," respondas la edzo. "Estas tiel, ĉar vi nun pli bone kuiras."

Kun granda ĝojo Peĉjo kuregas hejmen, tenante en la mano sian atestilon, kiun li ricevis hodiaŭ.

– Paĉjo, vi havos grandegan feliĉon!

– Nu, parolu! Kio okazis?

– Kiel feliĉaj ni estas! Ni ne devos aĉeti novajn librojn por la venonta lernojaro!





Ebria leporo venis tra arbaro. Du lupoj, vidinte ĝin, ekbatalis inter si, kiu el ili formanĝu ĝin. La ebria leporo svenis kaj falis surteren. Ankaŭ la lupoj falis mortantaj.

Post kelka tempo vekiĝis la leporo kaj ekvidinte la mortintajn lupojn diris: Ho ĉiam, kiam mi ebriiĝas, mi faras ian kanajlaĵon!




„Jen simio!" ekkrias tuj ĉe la enirejo de zoo-ĝardeno la malgranda Joĉjo.

„Silentu!" admonas lin la patro. „Tio estas la kasistino."

Rabisto en banko alŝovas al la kasisto paperfolion kun la vortoj: Donu ĉiun monon en la sakon kaj ne faru iun ajn suspektindan movon.

La kasisto redonis al li alian folion kun jena teksto: Ordigu vian kravaton, vi ĝuste estas fotografata.




## Simpla juĝ-afero

"Per kio vi scias, ke ambaŭ skotoj estis ebriegaj?" demandis la juĝisto la policiston.



"Estas simple, sinjoro. Jack disĵetis monbiletojn de kvin pundoj, kaj McPershon kolektis ĉiujn kaj redonis ilin al Jack."

**NIA KULTURA HEREDAĴO**

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur RAGNARSSON. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

# BILDOJ EL LA HISTORIO

## 29 L.N.M. Newell (1902-1968)

*Leonard Noel Mansell Newell* naskiĝis en 1902, anglo laŭ deveno, sed envere monda civitano, kiu vivis kaj laboris ne nur en sia hejmlando, sed en multaj aliaj landoj: Francio, Italio, Belgio, Egiptio, Sudano, Aŭstralio. Samtempe li estis ĉiam fidela civitano de tiu fikcia lando sen limoj, kiun ni ofte nomas Esperantujo. Li lernis Esperanton kiel 14-jara knabo. Li partoprenis la esperantistan agadon en Londono kiel estrarano de Londona Esperanto-klubo; li estis kunaranĝanto de la Universala Kongreso de Esperanto en Oksfordo 1930; dum kelkaj jaroj li estis ĉefredaktoro de *International Language*, anglalingva revuo por propagandi Esperanton. Li havis multajn profesiojn dum sia vivo, sed ĉiam daŭre aktivis por Esperanto: instruis, organizis, redaktis, verkis, tradukis, kie ajn li trovis sin. Entute Newell estis unu el tiuj homoj, kiuj vivlonge dediĉis sin al ĉiuj flankoj de Esperanta agado, tamen sen bruo kaj ambiciaj klopodoj, ĉar li estis homo modesta kaj netrudema.

Kiel verkisto Newell eminentis kiel prozisto, lia novelaro *Bakŝiŝ* (1938) estas rigardata kiel klasikaĵo de la Esperanta novelarto. Sed li verkis ankaŭ poemojn, kvankam nur en malgranda kvanto; en *Kolektitaj poemoj* (1987), prizorgita de Edwin de Kock, ili sumas je nur 29 verkoj. Liaj poemoj estas klaraj, priskribe realismaj kaj ofte emaj al filozofiaj pensoj. En poemo, titolita *Filozofo*, li trovas araneon en prunteprenita libro: " *Sur paĝo dudek-sepa mi trovis araneon; / Ĝi volis filozofi, sed trovis la pereon, / Anstataŭ kapti muŝojn, ĝi retis mond-enigmon".* Por mi aparte simpatia estas poemo, kiun la poeto dediĉis amike al Idista poeto (jes, ankaŭ en Ido oni poetis); la poemo havas la titolon *La Lasta*, kaj tiel Newell komparas sian Idistan poetamikon al romana soldato, kiu kuraĝe

postenas ĉe la lasta landlimo, jam forgesita. Oni konstatas la kunsenton de la esp-ista poeto kun sia kolego Idista:

*Kiel soldato kantas romana,*
*Sola ĉe l'lasta landlim' forgesita,*
*Kuraĝa ĉe sia posteno*
*Dum detruas patrujon barbaroj;*

*Kiel sur morta tero mortkantas*
*Siajn amatojn lasta homido,*

anton. La noveloj plejparte traktas la reciprokan nekomprenon kaj foje konfliktojn inter la malsimilaj kutimoj de Eŭropanoj kaj la moroj de Egiptoj. Kvankam la noveloj ja montras la eŭropecan perspektivon de la aŭtoro, li ofte simpatias kun la egipta flanko kaj ironias pri la brita kaj franca flanko. Emocie pensigaj estas du rakontoj, *Edziĝpropono* kaj *La kriketludo*, pri

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

*Sub neĝeroj silente ŝvebantaj,*
*Atendante la blindan ĥaoson:*

*Tiel Idisto lasta vi kantas*
*Morne al mondo, kiu forgesi*
*La lingvon de vi amegatan.*
*Ho, poeto fidela, saluton!*

**K**iel menciite, la noveloj de Newell jam havas rangon de klasikeco en la Esperanta proza arto. Kaj ne nur pro elstara stilo, sed antaŭ ĉio pro priskriboj de realecaj scenoj kaj personaj portretoj, kiuj vivigas homojn kaj okazojn tiomgrade, ke ili partoprenigas la leganton en la rakonta proceso kaj sekve restas en la memoro. La noveloj de *Bakŝiŝ* havas sian okaz-terenon en Egiptio, kie Newell pasigis du jarojn inter la mondmilitoj instruante Esper-

Eŭropaj virinoj, kiuj vojaĝas al Egiptio por tie ekvivi kun siaj egiptaj edzoj. Ilia elreviĝo estas priskribita kun profunda komprenemo, ili spertas duoblan malfacilon: la fremdecon de alia kulturo kaj malestimon de aliaj Eŭropanoj pri iliaj rilatoj kun Egiptoj.

**N**ewell estis diligenta tradukisto. Lia plej ambicia traduko estas tiu de *Hamleto*, 1964. Per sia traduko Newell celis tradukon multe pli precizan ol tiun de Zamenhof de 1894. Newell estis bone ekipita por tia traduko, li bone konis la lingvon de Shakespeare, liajn aludojn kaj la nuancajn signifojn, kiuj postulis detalan enkondukon kaj abundajn klarigojn. Por Newell la ĉefa devo de la tradukanto de Hamleto estas plej ebla fideleco al la origi-

nalo kaj laŭeble ekzakta redono de nuancoj, eĉ je la kosto de pli arta versio, aŭ pli simpla legado, kiel ĉe Zamenhof. Tiu vidpunkto de Newell kontrastis kun tiu de alia Shakespeare-tradukinto, Reto Rossetti, kiu tradukis alian dramon, *Otelo*. Tiu konflikto rezultis en du skoloj koncerne tradukadon de Ŝekspiraj dramoj, la fidelisma skolo kaj la artisma skolo. Efektive, la du skoloj ne estas tiel draste diferencaj, ambaŭ havas siajn akcepteblajn flankojn kaj eblecojn de ekvilibreco.

L.N.M. Newell multe kontribuis al la literaturaj revuoj de sia tempo, *Literatura Mondo*, *La nica literatura revuo* kaj *Norda Prismo*. Li multe tradukis el la angla poezio, i.a. la plej faman poemon de Coleridge, *La Maljuna Maristo*. Poemoj de Newell aperis en la kolekto *Dekdu poetoj*, 1934 kaj en *Esperanta Antologio*, 1958 (2-eldono 1984). Du liaj noveloj, *Nomado* kaj *Tragedio*, troviĝas en *33 rakontoj, La Esperanta Novelarto*, 1964. Newell mortis en Aŭstralio en 1968, 66-jara.

***Árpád Rátkai***

**Bildoj el la historio de ESPERANTO**

## XIII. Internacia sistemo kaj Esperanto

Post la Granda Milito en 1919 estis fondita la interŝtata organizaĵo Ligo de Nacioj (LN). Ĝia celo estis konservi pacon kaj firmigi internacian kunlaboron. Esperantistoj trovis tion atentinda klopodo kaj intencis kompletigi la celon per enkonduko de Esperanto en la lernejojn de ĉiuj landoj.

Post unu jaro laŭ la iniciato de *Edmond Privat*, tiama vicprezidanto de UEA, la asembleo metis ĝin en sian tagordon. Tamen, malgraŭ la apogo de pluraj ŝtato-membroj, laŭ iniciato de franca akademiano oni prokrastis ĝian pritraktadon.

Post plia jaro la asembleo petis raporton pri la instruado de Esperanto, kaj komenciĝis procedo kun konferenco kaj raportoj, kaj fine „la montego naskis muson”: Universala Telegrafia Unio deklaris Esperanton tiel same „klara lingvo” kiel la aliaj lingvoj uzataj en telegrafio. Post tiu provo ĉe LN ne okazis pliaj provoj. En la tridekaj jaroj LN sinkis en krizon kaj ĉesis.

Nur en la jaro 1947, dum la Universala Kongreso de Esperanto en la urbo Bern okazis nova, grava paŝo tiurilate. En la nova statuto de UEA pro insisto de Ivo Lapenna aperis deklaro, ke „la




respekto de la homrajtoj estas por ĝia laboro esenca kondiĉo.” Tio estis grava atingo, ja UEA pli frue deklaris sian esencan ligitecon al la homrajtoj, ol Unuiĝintaj Nacioj.

Konekse kun tiu firma ligiteco al la homrajtoj Lapenna rompis la reziston de la plimulto, kaj dum kelkaj jaroj li sukcese akceptigis la principon de aktiva neŭtraleco. Laŭ Lapenna la esperantistaj asocioj devas esti demokratie direktitaj al libereco kaj toleremo. En 1951 la Universala Kongreso en Munkeno akceptis Deklaracion pri la celo de Esperanto-movado.

Laŭ tiu deklaracio (bedaŭrinde ne sufiĉe konata en la movado):

„La celo de la Esperanto-movado estas plena apliko de la Internacia Lingvo Esperanto en ĉiuj sferoj de la internacia vivo kaj por ĉiuj internaciaj rilatoj. El tiu vasta uzado de la Internacia Lingvo logike rezultos:

1. altiro de pli larĝaj popoltavoloj al aktiva partopreno en la internacia vivo;
2. progresigo de la scienco kaj plimultiĝo de la intelektaj interŝanĝoj en internacia kadro;
3. plifirmigo de tutmonda solidareco kaj rapidiĝo de la procezo de unueciĝo de la homaro.”

En 1945 kiel posteulo de LN fondiĝis Unuiĝintaj Nacioj (UN) por helpi la internacian kunlaboron laŭ la internacia juro, sekureco kaj la homrajtoj, por la mondpaco. Kune kun specialaj organizaĵoj kaj institucioj UN formas la t. n. UN-familion, kies parto estas Unesko (Organizaĵo de la Unuiĝintaj Nacioj por Edukado, Scienco kaj Kulturo). UEA ricevis konsultajn rilatjon kun Unesko en 1954, laŭ la insista klopodo de Ivo Lapenna. Ekde tiam tiu pozicio determinas ĝian respekton en la internacia vivo.

Krom tiuj sukcesoj UEA spertis ankaŭ fiaskon. Vane ĝi kolektis preskaŭ milionon da subskriboj por akceptigi Esperanton, neniu ŝtato-membro apogis la proponon. Sekve la vicsekretario de UN en 1967 sciigis al UEA, ke ĝia propono ne estas realigebla.

Sed ankaŭ dum tiuj jardekoj la lingvo mem kaj ĝia literaturo riĉiĝis plu, kaj la homaron plu turmentas internaciaj lingvaj konflik-toj. Pro manko de kontentiga solvo la homaro elspezas pli kaj pli enorman sumon por solvi la lingvajn problemojn de supernacia komunikado.

KONTAKTO

Dumonata soci-kultura internacia revuo de la esperantista junularo (TEJO) Ĝi enhavas interesajn artikolojn ankaŭ facillingvajn.

Jen unu el ili (n-ro 236, 2010:2, paĝo 14)

*Ni ĉiam povas fari ĉion, kion ni volas, neniu limo ekzistas. Ne gravas, kie ni estas kaj kia estas nia situacio. La solaj eblaj baroj kaj limoj trov-iĝas en nia kapo. Se vi ne akceptas tion, bonvolu legi la suban rakonton pri el-trov-ema filo.*

# Eltrovema filo

**I**am vivis sola maljunulo. Li volis plugi la teron en sia farmo, sed en lia aĝo tiu laboro estis por li ege malfacila. La filo, kiu povus helpi al la maljunulo, estis tiu-tempe en malliberejo. La maljunulo skribis leteron al sia filo:

„**K**ara mia, mi ne plu fartas bone kaj ne plu havas la antaŭan forton, do, ĉi-jare mi ne povos plugi la teron en nia farmo. Mi scias, se vi estus ĉi tie, vi farus la laboron. Se vi estus ĉi tie ĉe mi, mi ne sentus problemon. Via amanta patro."

**P**ost kelkaj tagoj la maljunulo ricevis la jenan leteron: „Kara paĉjo, je Dio, ne plugu la teron! En la farmo mi kaŝis multe da armiloj." Sekvatage al la farmo venis multaj policistoj, kiuj fosis kaj plugis la tutan teron de la farmo, serĉante la armilojn, tamen, ili trovis nenion.

**L**a maljunulo skribis alian leteron al sia filo kaj klarigis tion, kio okazis. La filo respondis: „Kara paĉjo, mi ja helpas al vi laŭ ĉiuj miaj povoj..."

*Akbar Fekri Abkenar, Irano*

*farmo:* loko en kamparo, kie loĝas la homoj, kiuj okupiĝas pri teraj laboroj, plantoj kaj tiel plu / *problemo:* solvenda tasko

# KVIZO-LUDO

Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt*, Germanio

*Karaj kvizemuloj, jen novaj demandoj. Mi esperas, ke ankaŭ ĉi-foje vi trovos bonajn respondojn. En la unua n-ro partoprenis legantoj el kvar landoj. Ĉu nun estos pli?*

*Dieter Berndt*

**N-ro 2** (Limdato: 01-12-2010)

| | |
|---|---|
| 1 | Nomu ses objektojn, kiujn vi kunprenus al via feriejo. |
| 2 | Skribu per vortoj: *8 – 3 = 5 ; 2 x 4 = 8 ; 12 : 4 = 3* |
| 3 | Decidu, ĉu adverba aŭ adjektiva finaĵo mankas: *De alt_ turo oni bon_ vidas la urbon. La maro estis bel_ blu_. Li kantis laŭt_.* |
| 4 | Skribu tri frazojn. En ĉiu el ili troviĝu jenaj prepozicioj: *sur, el, post.* |
| 5 | Trovu taŭgajn konjunkciojn. *Mi esperas ... li baldaŭ venos. ... mi legis libron, venis amiko. Mia amiko parolas ... france ... ruse.* |
| 6 | Korpoparto kun ***l*** turniĝas; korpoparto kun ***r*** batas. *(J. Drahotová, CZ)* |
| 7 | La vorto *ambrozio* havas tri signifojn. Ĉu vi scias, kiujn? *(M. Molnár, HU)* |
| 8 | Skribu frazon kun almenaŭ ses vortoj, kiuj havu la saman komencan literon ***p***. |
| 9 | Trovu erarojn – tri gramatikajn kaj tri aliajn. *La 31-an de junio mi ekvojiĝis al Italio. Sur la urbo Munkeno mi vidis riveron Danubo. Ĉe la landlimo inter Germanio kaj Italio mi faris paŭzo.* |
| 10 | Faru vi mem demandon, kiu povos aperi en iu sekva numero. Ne forgesu skribi vian nomon kaj landon! |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Dieter Berndt (esperanto-berndt@web.de)* / Berolinastr. 2, DE-10178 Berlin, Germanio). Se vi havas demandojn, turnu vin al li, kiu volonte informas pri detaloj.

## *SOLVO de la antaŭa n-ro (aprilo 2010)*

**1**. kudras vestaĵojn; faras tegmenton; konstruas domon **2**. Diversaj. **3**. bonvolu; kaj aliaj; rimarko; paĝo; delegito; internacia respondkupono **4**. se, kiam, se **5**. surtabligis, enbuŝigis, enlitiĝis **6**. Kolibro. **7**. klarneto, hamstro, platano **8**. Diversaj. **9**. Diversaj.

***Rezultoj:*** *M. Kolarova (CZ), 20 p., J. Drahotova (CZ), 19 p., B. Huzerova (CZ), 19 p., M. Molnar (HU), 19 p., E.E. Popoviciu (RO), 18 p., Z. Stojanovic (SR), 18 p.*

# VERDA PAĜO

## Kiel dialogi pri Esperanto? (daŭrigo)

*La unua parto troviĝas en la ĉi-jara aprila n-ro (p. 46)*

Por kio lerni do Esperanton, se ĝi ne alportas profiton?

Ni havas por tio plurajn konvinkajn respondojn. La plej efika kaj grava el ili estas **demokratio**. Vera demokratio baziĝas sur egaleco. Egaleco ankaŭ en komunikado. Nia epoko de tutmondiĝo nepre bezonas novan solvon demokratian, ne tiun de la pasintaj jarcentoj/-miloj, kiam la lingvo de la politike aŭ/kaj ekonomie plej potenca popolo servis/-as kiel transnacia komunikilo, per kiu ĝi senlabore ricevas plian avantaĝon kaj profiton. En vera demokratio internacian komunikan rolon povas plenumi nur neŭtrala lingvo, kiu neniun popolon preferas aŭ malpreferas. Ĝia enkonduko estos radikala ŝanĝo. Ni scias, ke ĉiuj revoluciaj ŝanĝoj de la homaro bezonis longan kaj sindonan agadon de progresemuloj. Nuntempe ĉe ni kolektiĝas purkoraj aktivuloj, ĉar nia agado ofendas neniun, male, ĝi alportas justecon kaj pluan progreson. Ĉe ni daŭre restas nur tiuj, kiuj vere kaj sincere volas agadi por la progreso de la tuta homaro. Esperanto ludas do gravan **edukan valoron**. Ĝi edukas al respekto de la nacia kulturo kaj samtempe al deziro konatiĝi kun la kulturoj de aliaj popoloj, kiuj estas tute similaj al ni, sed povas grave diferenci laŭ vivmanieroj.

Alia grava argumento por Esperanto estas ties **simpleco** kaj **logikeco**, dank' al kio ĝi estas alproprigebla en relative mallonga tempo, sekve ĝia enkonduko kostus multe malpli ol la nuna, tradicia maniero de transnacia komunikado. Ĝi povas pliproksimigi ne nur la elitojn, sed ankaŭ simplajn civitanojn. Tio estus grandega gajno por la homaro. Vastaj popolamasoj povus orientiĝi pli klare ol nuntempe, kiam konvinkoj ĉiam ankoraŭ formiĝas sub forta influo de ofte tendencaj naciaj komunikiloj.

Ĉio supre dirita ne signifas, ke Esperanto estus tutmondigebla per unu simpla decido de iu supernacia organizaĵo. Tio bezonus minimume unudu jardekojn, ĉar nuntempe mankas ankoraŭ la necesaj kondiĉoj. Kelkaj miloj da Esperanto-instruistoj certe ne sufiĉas por tuja enkonduko de la lingvo, eĉ se la moderna elektronika tekniko multe helpas.

Unu afero estas tutcerta: ni iras ĝustan vojon.

# LINGVA DOKTORO

## Malsimplaj tempoj

En la antaŭlasta numero ni parolis pri la participoj kaj menciis, ke baldaŭ temos pri la kompleksaj aŭ malsimplaj tempoj de verboj (i-vortoj), kiuj konsistas el „esti" kaj iu participo.

Sciu, ke la verboj havas du voĉojn: aktivan kaj pasivan. Ĉe aktiva la verbo esprimas agon aŭ staton, kiun plenumas la subjekto, ekz. *Petro* (subjekto) *aŭskultas muzikon.* Tiun saman penson oni povas esprimi ankaŭ en pasiva voĉo, nome: *Muziko estas aŭskultata de Petro*. Ĉi tie ne la subjekto plenumas la agon (aŭskultadon), sed la ago celas, trafas ĝin. Tio estas la pasiva voĉo kaj vi vidas, ke ĝi estas – kompare kun la aktiva – malsimpla: *estas aŭskultata*.

En aktiva voĉo oni uzas plej ofte simplajn tempojn: *Petro* ***aŭskultas*** (prezenco aŭ as-tempo) *muzikon. Petro* ***aŭskultis*** (preterito / is-tempo) *muzikon. Petro* ***aŭskultos*** (futuro / os-tempo) *muzikon.* En pasiva voĉo oni tre malofte (precipe en poezio) renkontas simplan tempo-formon kiel *Muziko* ***aŭskultatas*** *de Petro.*

La uzado de kompleksaj tempoj ebligas esprimi nuancojn. Vidu, ekzemple, la diferencojn inter jenaj frazoj: *Kiam mi telefonis al Petro, li estis aŭskultanta / aŭskultinta / aŭskultonta muzikon.* Ĉe *aŭskultanta* mi telefonis ĝuste tiam, kiam li aŭskultis, ĉe *aŭskultinta* mi telefonis, kiam li estis jam post la aŭskultado, kaj ĉe *aŭskultonta* li intencis ekaŭskulti muzikon, kiam mi telefonis. Ĉi tiuj formoj estas malofltaj. Oni esprimas ilin simple: *Ĝuste tiam mi telefonis al Petro, kiam li aŭskultis muzikon* (:estis aŭskultanta; preterito imperfekta), *Mi telefonis al li, kiam li jam (fin)aŭskultis muzikon* (:estis aŭskultinta; preterito perfekta), *Mi telefonis antaŭ ol li ekaŭskultis muzikon* (:estis aŭskultonta; futuro predikta).

Male, en pasiva voĉo oni ĉiam uzas kompleksan formon. *Petro, telefonu al mi, kiam via KD estos aŭskultota / aŭskoltata / aŭskultita* (antaŭ, dum, post la aŭskultado de la KD). Pasivan voĉon havas nur transitivaj verboj kiel *vidi, skribi, fari* ... ion, sed neniam oni povas formi ĝin el verboj netransitivaj kiel *esti, ĝoji, fali*... Ĉe verboj, kiuj esprimas momentan agon la imperfekta formo *-ata* esprimas ripetadon. Ekz.: *La vendejo estas fermita* (nun oni ne povas eniri, ĉar oni jam fermis ĝin). *Ĝi estas fermata je la 7a vespere* (ĉiutage je la 7a horo oni fermas ĝin). *Atenton! La vendejo estas fermota* (oni tuj fermos ĝin, bonvolu do eliri el la vendejo)!

## Atenton, hungaraj E-instruistoj, kurs-gvidantoj!



---

**Solvoj de TESTO (****paĝo 34****)**

1. a) naĝi/vadi b) iri / veturi c) flugi/aviadi
2. a) kuiri b) baki c) friti
3. a) buĉi b) murdi c) ekzekuti
4. a) pluvas b) hajlas c) neĝas
5. a) ovon b) lakton c) panon/farunaĵojn
6. a) miaŭas b) henas c) bojas
7. a) biciklo b) ŝipo c) aviadilo/aeroplano/
8. a) horloĝo b) termometro c) pesilo
9. a) saketoj b) botelo c) skatolo
10. a) dramo b) romano c) poemo
11. a) haŭto b) plumaro c) felo
12. a) lanternoj b) reflektoroj c) ampolo / lampo


**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI (jura sidejo: CO de UEA, Roterdamo, Nederlando). **Redaktoroj**: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*), *Juliana Vas-Szegedi* (Hungario, *vasszegedi@gmail.com* ), *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan. macgill@gmail. com*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadi-kova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Jean Monique Noël* (Francio), *Jadranka Mirić* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio), *Małgosia Komarnicka* (Pollando). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario)

Presita en Budapeŝto, Hungario

**Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre)

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en decembro**

## masonisto



**Homoj bezonas loĝi ie. Fari domon estas tasko de kelkaj faklaboristoj. Unu el ili estas masonisto. Li povas konstrui grandajn palacojn, pontojn, dometojn.**

## ĉarpentisto



**Ĉarpentistoj faras el dikaj traboj skeleton, kiu subportas tegmenton kaj protektas kontraŭ malvarmo aŭ varmego.**

# Kukuo

Aŭtoro: Angel Velazco (Kubo) Tradukis: Jose de J. Campos Pacheco




Permesis Kuba Infanrevuo Zunzun